





GRUPO ESPERANTISTA "JOVELLANOS"

GIJON

OKTOBRO-DECEMBRO N-ro 5

Ni deziras

Feliĉan

Kristnaskon

kaj ĝojan Novan

Jaron 1.979 al niaj

legantoj

HELECO

# GEJ




GIJON

hispana esperanta VITRALO

UNUA SUKCESO

La nova kaj juna estraro de H.E.F., kies sidejo estas en Valladolido, nur antaŭ kvar monatoj regas nian Federacion kaj jam atingis la unua veran sukceson organizante la 38-an Hispana Kongreso de Esperanto, kiu ĵus okazis en León, miljara urbo. Sufiĉis al ĝi malmultaj tagoj por atingi la sukcesan celon, kvankam la urbo ne havas esperantan tradicion; sed kiam ekzistas vera kunlabora spirito malmultaj personoj povas sukcesigi ian ajn aferon. Ĉu vere nur Pastro Patricio de Fuentes? Pro tio mian sinceran gratulon por la estraranoj kaj por la seninteresaj kunlaborantoj!

DANKON LEONANOJ !

Viziti urbon estas ĉiam tre agrabla afero, precipe se ĝi havas allogan pejzaĝojn kaj artajn monumentojn. Kaj tio en León neniam mankas. Ĝi havas belajn ĉirkaŭaĵojn kaj riĉegajn monumentojn de la diversaj epokoj de sia longa historio: ekzemple, Sankta Izidoro, la Katedralo kaj Sankta Marko inter aliaj gravaj kaj interesaj konstruaĵoj. Sed tio ne sufiĉas. Alia allogo estas la homa ĝentileco pri kiu ĉiuj la gekongresanoj sendube estas tre kontentaj, do la leonanoj ricevis nin kun malfermitaj brakoj. Ĝia konduto estas tute laŭdinda, kaj pro tio mi diras je nomo de la multenombra kongresanaro ( proksimume 200 geesperantistoj ) kaj je la mia propra: Dankon leonanoj, multe dankon!

DU GRAVAJ DECIDOJ

Inter la decidoj de la 38ª hispana Kongreso de Esperanto mi volas elstarigi du, kiujn mi konsideras tre gravaj kaj kiuj estas jenaj:

Unua.-Ke la venonta Kongreso okazos en GIJON en Julio de 1.979ª jaro; decido kiu sendube estas ĝusta premio por la Esperanto Grupo "Jovellanos" pro ĝia konstanta laboro por disvastigi la internacian lingvon ( atesto de tiu laboro estas ke en la ekzamenoj de la lasta Kongreso du gijonaj samideaninoj atingis la koncernan diplomon. Ili estas fraŭlinoj Alonso Moro kaj García Rivera, kiujn mi gratulas tre sincere ) kaj eldoni la belan gazeton "HELECO", kiu aperis neregule ĝis nun sed kiu poste sendube aperos regule almenaŭ dumonate.

Dua.-Insisti antaŭ la Ministerio de Edukado kaj Scienco por ke ĝi permesu la enkondukon de Esperanto en la programoj de la dua fazo de la Ĝenerala Baza Instruado. Eble ne mankos kiuj konsideros ĉi tiun peton kiel frenezulaĵo. Tamen ne estas tiel. Per Esperanto oni povas superi tre facile la lingvajn malfacilaĵojn pro tio ke ĝi estas la plej facila el la modernaj lingvoj. Dek fojoj pli facila ol la franca aŭ angla lingvoj.

## TIU NE ESTAS LA VERA VOJO

Okaze de nia lasta Kongreso en León, mi renkontis malnovan samideanon.Li estas la aŭtoro de bela kaj interesa esperanto lernolibro, en kies dediĉo oni povas legi, en hispana - lingvo, tre belajn vortojn.Sed la vortoj, kvankam ili estu tre belaj, nenion signifas se ne - akompanas ilin la ekzemplo de la bonaj agoj.Kion mi volas diri? Mi sekve klarigos tion.

La aludita samideano montris al mi sian libron kaj kiam mi demandis al li pri ĝia prezo, li respondis: " Ducent pesetojn sed por vi, kiel bona amiko, nur cent kvindek pesetojn". Kompreneble mi pagis la koncernan kvanton, sen dubi pri la vortoj de li.Poste mi povis konstati per la Katalogo de Libroservo de HEF ke la sama libro kostas nur cent pesetoj.Ĉu tiu sinteno estas inda maniero por varbi adeptojn por nia kara movado? Almenaŭ laŭ mia opinio, tiu - ne estas la vera vojo.

## " OKULON PRO OKULO...", NENIAM !

Dum la Ĝenerala Asembleo de HEF, okaze de nia lasta Kongreso, mi, kiel latuta partoprenintaro, ĉeestis incidenton bedaŭrindan.La protagonistoj estis ŝatataj gesamideanoj pro - kio mi bedaŭras la okazaĵon multe pli.Mi kredas ke antaŭ la kontraŭa opinio de iu samideano, - ni devas esti komprenemaj, respektemaj, kaj toleremaj por eviti praktiki la judan proverbon - kiu diras: " Okulon pro okulo..." Tiu afero neniam estas rekomendinda.Konsentite?

## IVª KONFERENCO EN JACA

Kun vera sukceso okazis en Jaca ( Huesca ) la IVª Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado.Ĝi okazis dum la 22ª/29ª tagoj de la pasinta Julio.El ĝia grava programo mi volas elstarigi du meritindajn eventojn: la omaĝo al D-ro Ivo Lapenna, estrarano de UEA dum 1.938/ 1.974 ( Ĝenerala Sekretario dum 1.945/1.964 kaj Prezidanto dum 1.964/1.974 ), kaj la kurso por neesperantistaj instruistoj.Gratulon al la organizintoj.Kaj gratulon al D-ro Lapenna okaze la 50ª datreveno de lia esperanta laboro.

## XXª KATALUNA RENKONTIĜO

En Tortosa ( Tarragona ) okazis dum 30 Septembro/1 Oktobro la XXª Kataluna Renkontiĝo, kies precipa programero estis tiu de la XVIIIª Internaciaj Floraj Ludoj kiuj havis plenan sukceson.Gratulon al la organizintoj kaj al la venkintoj, S-roj LONG, ROSETTI, HEIDE, SIMEONOV, GABRIELLI, BALBIN, GOLDEN, MOYA kaj KNICHAL.

INSTRUISTO

## ALVOKO AL ĈIUJ ESPERANTAJ-GRUPOJ

Okaze de la 39ª Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta en Gijón ( Asturio ) en Julio 1.979ª, ni aranĝos specialan ekspozicion.

Bonvolu sendi: komunan fotografaĵon de la Grupo kaj individuajn fotografaĵojn de la - plej elstaraj Esperantist(in)oj kun koncizaj informoj pri ili.

Sendu al: 39ª Hispana Kongreso de Esperanto, Grupo Esperantista JOVELLANOS, str. Enrique Cangas, 25, GIJON ( Asturio ) Hispanio.

Roĵa: Se via vivo ne estas kara al vi, eble estas kara al vi la vivo de viaj parenculoj?

Ĥanna: Ili troviĝas tre malproksime de tie-ĉi, feliĉe.

Roĵa: Tion mi ne certigas entute. Tiu-ĉi aparato (montras la transmisiilon) povas verŝi multon da sango en tiu ĉi lando, ankaŭ sango de viaj parenculoj.

Ĥanna: Mi havas neniun parenculon.

Roĵa: Tute ne – Budapeŝton vi konas bonege (rigardas paperojn kiuj estas antaŭ li) Terez-Keirut 32, Andrasit 48, Sant-Istevan 23....

Ĥanna: Mi inventis ilin.

Roĵa: Kaj ankaŭ vian nomon. Kiu estas via vera nomo?

Ĥanna: Maria Bronza.

Roĵa: Ne estas nomo kiel tia en juda hejmo.

Ĥanna: Jen mi estas brita oficirino, kiel mi jam informis.

Roĵa: Kaj vi naskiĝis en Hungario. En leĝa terminologio ĉi-tio nomiĝas perfido.

Ĥanna: Mi deziras scii kiel nomiĝas en leĝa terminologio la torturoj faritaj al mi dum tiuj-ĉi kvar tagoj.

Roĵa: Ni ne farus tiel se vi rakontus al ni la veron.

Ĥanna: Mi postulis ke vi traktu min laŭleĝe.

Roĵa: La horo de la leĝo venos. Sed antaŭ ni devas scii kelkajn aferojn. Unue – vian nomon korektan.

Ĥanna: Mi ne diros pli ol tio kion jam diris.

Roĵa: Vi montris kuraĝan koron, sinjorino, pli ol tiu de via amiko la francano. Li malkovris al ni aferojn kiujn vi ne deziris diri al ni. Ĉu vi deziras ke li malkovru pli?

Ĥanna: Mi konfidas pri li same kiel konfidas pri mi mem.

Roĵa: Vi konfidas ekscese pri la homa suferkapablo, juna sinjorino, kaj pri mia pacienckapablo! (al la oficiro) enkonduku lin ĉi-tien.

La oficiro eliras.

Roĵa: Domaĝe pri via beleco. Beleco kiel tia ne venas al la mondo por esti difektita de la vipoj, aŭ de fusila kuglo. Kial faris tion, reale?

Ĥanna: Vi scios ĉion, kiam alvenos la horo.

Roĵa: Mi timas ke tio estos tro malfrue.

Eniras la oficiro kaj post li Pierre, akompanas lin du policistoj. Liaj manoj estas ligitaj.

Ĥanna (panike): Pierre! (ŝi kovras ŝian vizaĝon per ŝiaj manoj)

La du policistoj eliras.

Roĵa: Sinjoro Pierre Tanrdie, via judanino konfidas pri vi troe. Diru al ŝi kiuj estas la aferoj kiujn vi malkovris, por ke ne bezonu ni turmenti ŝin per superflua demandaro. (li atendas, Pierre silentas). Diru al ŝi ke ŝi estas judino, ke ŝi naskiĝis en Hungario, kaj la brita armeo sendis ŝin ĉi-tien por plenumi spionajn kaj pordetruajn misionojn. (li atendas. Pierre silentas). Diru al ŝi ke per la radio-aparato ŝi volis transmisii informojn al la Komandejo de la Brita Aera Armeo en Kairo, kaj helpi la aviadilojn kiuj alportas morton kaj ruinon al Hungario. (senmove, Pierre staras kun la kapo klinita, kaj ne respondas). Diru al ŝi ke ni scias malfermi ankaŭ la buŝon de la sfinkso egipta, kaj estas limo por la suferkapablo de la homo! (senmove kaj rigardante ilin ambaŭ. La vizaĝo de Ĥanna estas ankoraŭ kovrita de ŝiaj manoj. Pierre staras kapklinita). Diru al ŝi, ke se ŝi ne malkovros ŝian nomon, estos necesa al vi malkovri ĝin, kaj ne estas justa ke vi suferos pro ŝi.

(senmove, kaj poste leviĝas el lia loko). Reale, por ni tute ne gravas kiu malkovros. Decidu vi ambaŭ. Mi lasos vin solaj. Noblaj animoj kiel vi ne faras riproĉojn antaŭ fremdaj oreloj. (al la oficiro) Eliru ni.

Roĵa kaj la oficiro eliras. Pierre kaj Ĥanna levas la okulojn kaj rigardas unu la alian.

Pierre (susuranta): Pardonu min.
Ĥanna (kun furioza mieno): Pri kio, Pierre? Mi scias ke vi rekontis al ili nur tion kion jam ili sciis de antaŭ.
Pierre: Torturis vin, tiuj porkoj.
Ĥanna: Nun mi jam ne sentas ion. Nur nia malsukceso doloras min senlime.
Pierre: Tio ĉi ne estas la fino. Tio ĉi ne estas la fino ankoraŭ.
Ĥanna: Ŝajnas al mi ke pasis multe da tempo ekde kiam ili kaptis nin, multege da tempo....
Pierre: Jes.
Ĥanna: La unuaj horoj estas la plej rimarkitaj. Kiam iu mem ne estas certa, kaj ne scias ĉu li povos persisti malgraŭ ĉio. Poste la animo kvazaŭ disiĝas el la korpo, **libera** je la fino.
Pierre: Forta knabino estas vi. Pli forta ol kiel mi pensis.
Ĥanna: Ĉu vi memoras, Pierre, niajn konversaciojn pri Dio? tie, trans la landlimo?
Pierre: Mi memoras ke vi pruvis al ni, per fera logiko, ke Dio ne ekzistas.
Ĥanna: Mi hontas pri ĉio kion mi diris, Pierre. Ekzistas vortoj pli gravaj ol ties de la logiko.
Pierre: Vi ĉiam kredis. Mi scias tion. Alie vi ne troviĝus nun ĉi-tie.
Ĥanna: Nun estas en mia koro nur unu preĝo - ke mi ne al-portu malfeliĉon al alian. Ili demandas mian nomon. Mi dirus ĝin al ili, sed fatale mia patrino dependas de tio.
Pierre: Vi povas konfidi pri mi.
Ĥanna: Vi ne bezonas diri tion, Pierre. La konfido al vi kaj al tiuj kiuj sendis vin, helpis min multe dum ĉi-tiuj terurej tagoj. Ĉu vi kredas ke ni troviĝos plu, Pierre.... en libero?
Pierre: Mi kredas ke la fino de tiuj estas proksima, tre proksima.
Ĥanna: Se mi scius kiam, mi ne dezirus morti, Pierre! Mi deziris tiom da aĵoj en mia vivo! eĉ dum tiuj-ĉi tagoj - Estas momentoj dum kiuj mi vidas min mem denove tie, en la tero tiom kara al mi. Ĉu vi scias kion mi faros se mi revenos tien?
Pierre: Ĉu alian mision?
Ĥanna: Ne. Mi estos fiŝistino. Mi sidos ĉe la marbordo kaj pretigos la retojn. En kompleta trankvilo. Vi diras ke mi estas forta. Se vi scius kiel mi deziras esti febla.... malgranda knabino balanciĝanta sur la ondoj....

Eniras Roĵa kaj la oficiro.

Roĵa: Mi esperas ke la tempo sufiĉis al vi por decidi la gravecon. (li rigardas ilin ambaŭ. Ili ne respondas) Aŭ eble vi lasis la decidon denove en mia mano? (li interrompiĝas kaj rigardas denove ilin ambaŭ) Sinjoro Pierre Tanrdie, vi konas la nomon de tiu ĉi judanino. Kia estas ĝi? (li atendas) Vi jam scias ke ni havas en nia mano la forton por elpreni el via buŝo ĉion kion ni deziros. Kia estas ŝia nomo? (li atendas. Al la oficiro) Forigu lin.

La oficiro kaj Pierre eliras.

Roĵa: (li staras, li nun parolas multe pli agresive ol antaŭ): Mi komprenas ke via decido estas respondi vi mem.
Ĥanna: Mi postulas ke vi agu kun mi laŭ la leĝo.

Roĵa: Ni ne kutimas aŭskulti la postulojn de la buŝo de spionuloj. Ni agis sur vi ĝis nun kiel ni ne kutimas ĝenerale kun spionoj. Ni povas transdoni vin, ekzemple, al la manoj de la Gestapo, aŭ al la manoj de la Juden-Komando..... vi scias sendube al kio ili sin dediĉas dum ĉi-tiuj tempoj.... Ĉu vi vere deziras tion?

Ĥanna: Ĉu vi pensas ke estas diferenco al miaj okuloj inter murdistoj kaj murdistoj?

Roĵa: Viaj samreligianoj tie-ĉi scias pli bone ol vi rilate al nia bonkoro, sinjorino. Ili vivadis ĉi tie trankvile ĝis la deknaŭa de marto. Nun ili estas enfermitaj en kampadejoj kaj ili atendas la trajnojn.... mi esperas ke viaj parenculoj ankoraŭ ne estas tie.... (Ĥanna ektremas, Roĵa rigardas ŝin) kaj eble ĉi-tie. Mi ne povas scii tion, pro tio ke vi ankoraŭ ne diris al ni vian nomon.... (li interrompiĝas kaj rigardas la vizaĝon de Ĥanna, kiu havas sur ĝi indicojn de lukto) Eble ni povos fari ion pri viaj parenculoj - se vi donus al ni sciigojn pri ili.... (li interrompiĝas kaj rigardas ŝin denove) Kia estas via nomo, do? (longa silento, sur la vizaĝo de Ĥanna denove nur malvarma malestimo) Estos tiel. Pierre malkovros al ni vian nomon. Ankoraŭ iomete vi aŭdos liajn kriegojn tra la muro. Oni diras ke la suferkapablo de la viroj estas malpli ol tiu de la virinoj. (li atendas) Tuj mi vokas la oficiron, kaj donas ordonon.... (li atendas) Mi bezonas nur premi sur tiu ĉi butono (li metas la fingron sur butono kiu estas sur lia tablo). Ĉu premi?

Ĥanna: Atendu nur unu momenton!

Roĵa: Mi atendos ĝis kiam vi decidos.

Ĥanna: (sufokanta ŝiajnlarmojn) Venos ankaŭ la tago por ĉiuj vi, Oficiro Roĵa! kaj ĝi ne estas malproksima! iu alia demandos alifoje vian nomon, kaj mi scios ĝin!

Roĵa: (tute trankvila) Ĉu vi jam decidis? (metas lian manon sur la butono)

Ĥanna: Momenton, mi diris (levas ŝian kapon fiere, trankvile) Ĥanna Seneŝ estas mia nomo.

Roĵa (perpleksa. Post silento) Seneŝ? Ĉu familianino de la verkisto Bela Seneŝ?

Ĥanna: *(fierece) Jes, lia filino.*

Roĵa: Ti-el. Malproksime falas la frukto el la arbo.... (post silento) kaj via patrino vivas, se mi ne eraras.... kaj ŝi estas ĉi-tie, en Budapeŝto.... (atendas la respondon. Ĥanna levas ŝian kapon kaj ne respondas. Roĵa leviĝas) Mi dankas al vi. Tio sufiĉas ĉi-foje. (sin turnas al la pordo)

Ĥanna: (vokas post li kiam li jam estas apud la pordo): Oficiro!

Roĵa staras. Revenas al la tablo.

Roĵa: Ĉu?

Ĥanna (post lukto kun si mem): Mi havas unu peton.

Roĵa: Kiu?

Ĥanna: (post lukto): Mia patrino scias nenion. Mi forlasis ŝin antaŭ kvin jaroj. Ankaŭ mia frato forlasis ŝin. Ŝi restas ĉi-tie sola.

Roĵa (post silento): Ĉu ŝi scias nenion?

Ĥanna: Ne eĉ vorto. Ŝi ne indas eĉ koni aferonkiel tia.

Roĵa: Kaj kion? Ĉu vi deziras ke ne malkovru ĝin al ŝi?

Ĥanna: Ĉi tio estas mia sola peto.

Roĵa: Ĝi estas en via mano, Ana Seneŝ. Ni diros al ŝi nenion - se vi malkovros kion ni postulas de vi - la ĉifroskribaĵon de transmisio.

Ĥanna: Mi jam diris. Mi lasis ĝin apud la transmisiilo.

Roĵa (tre kolere): Sed tio-ĉi estas mensogo! miaj homoj renversigis la tutan kampon kaj trovis nenion! vi scias ĝin. Gi troviĝas en via kapo.

Ĥanna: Se ankoraŭ vi havas koron - Ne informu al ŝi! Ŝi ne povos suferi ĉi-tion! Ŝi estas senkulpa!

Roĝa: Kie estas la ĉifro-libro de transmisio?

Ĥanna: Faru al mi ĉion kion vi deziros, sed ne sciigu al ŝi!

Roĝa: Ĉu vi estas preta por konfesi, Ana Seneŝ?

Ĥanna: Ŝi estas tute senkulpa! Ŝi ne estas kulpa! (ŝia ploro eksplodas, kaj ŝi kovras ŝian vizaĝon per ŝiaj manoj)

Roĝa (leviĝas): Se vi deziras ke via patrino suferos pro vi - estos tiel. (apud la pordo) akrajn turmentojn ŝi suferos - Ana Seneŝ!

Ĥanna (vokas post li panike): Oficiro....

Roĝa eliros kaj fermas la pordon. Ĥanna kovras ŝian vizaĝon per ŝiaj manoj. La lumo malfortiĝas. Oni aŭdas muzikajn notojn de piano, preludo de Ĉopen. Ekaperas la patrino, alproksimiĝas al Ĥanna per trankvilaj paŝoj, metas molan manon sur ŝia kapo.

La patrino: Pri kio vi pensas, filino?

Ĥanna: Kiom mi ĝojas ke vi venis, patrino! Mi havas bonajn novaĵojn por vi!

La patrino: Ĉu oni voĉdonis al vi denove por esti sekretariino de la klaso oka?

Ĥanna: Ho, ne, ne! tiun rolon ili ne transdonos denove al judino, ĉu vi ne scias ĝin?

La patrino: Do, vi venkis al ĉiuj la knabinoj en la konkurso de ping-pong?

Ĥanna (eksplodas ŝia rido): Ankoraŭ ne! nun mi nur okupas la trian lokon!

~~La patrino: Kiajn novaĵojn, do?~~

Ĥanna:(post malfacila silento) Mi ricevis unuan premion pri Literaturo.

La patrino (senentuziasme): Tre bone.

Ĥanna: Ĉu vi ne ĝojas entute?

La patrino: Tio ne multe surprizas min. Pro kio?

Ĥanna: Pro versaĵo kiun mi komponis. Ĉu vi deziras aŭdi ĝin?

La patrino: Certe! (eksidas sur la seĝo)

Ĥanna (sidiĝas sur la planko apud ŝi): Aŭskultu:

> Silentece la nokto tre lante descendas
> Mi pensas - tiu monda ordo okazas senĉesa
> Kaj ĉiu vespere ripetas la ciklo
> Ho, kia superba senlimo
> Kaj belega, kaj impona kaj mirinda
> Kaj dolĉa kaj satinda

La patrino (daŭriganta):

> Kies spirito, kies animo
> Protektas min dum mia vivo
> En mia vojo al infinito

Ĥanna (perpleksa): El kie vi haviĝis ĝin?

La patrino (mokanta): Ne koleru kontraŭ mi. Mi legis ĝin en papero kiun vi lasis sur via tablo. Ĝi estas tre bela versaĵo, Annjo. Via patro estus feliĉa se li aŭdus ĝin. Ĉiam li diradis al mi: Rigardu Katnjo, la etulino Annjo skribos pli belajn vortojn ol mi.

Ĥanna: Jes, kara paĉjo.... (trankvile) memoru vi, kiam mi estis malgranda - vi ne diris al mi ke li mortis. Vi diris - Paĉjo iris al malproksima loko.

La patrino: Jes, paĉjo iris al malproksima loko.

Ĥanna: Tiam mi ne komprenis, sed nun mi komprenas. Mortas nur la homoj kies vivo ne havas iun utilon. La noblaj homoj vere - vivadas ĉiam....

ĝi daŭros

# Angulo por senspertaj poetoj

KIO ESTAS ESPERANTO ?

Unu homo al mi demandis:
Kio estas Esperanto ?
kaj mi respondis rapide:
Aŭskultu, aŭskultu frato.

Esperanto estas la Lingvo
por la homara kontakto;
Ĝi estas afabla kaj klara;
Ĝi estas facil´komprenebla;
Ĝi estas pura kaj neŭtrala;
Pli simpla ĝi estas neebla.

Sentigas al mi ĉi tiu Lingvo
tiel profundan admiradon,
ke kiam mi aŭdas sian nomon
mi klinigas la mian kapon.

LA ROZO

La rozo estas la floro
plej bela el ĉiuj la floroj
Ĝi estas tre bonodora
havas ĝi multajn kolorojn.

Sed vi devas havi zorgon,
se vi deziras preni ĝin,
ne prenu ĝin per la mano,
ĝi povas piki al vi.

——oOo——

ANTONO LA ROMANO DE KANTONO

——oOo——

R. de R.- Skribi malbonajn versaĵojn kaŭzas pli da feliĉo, ol legi la plej bonaj.

=================================

# GILDO DE SANGODONANTOJ

Estimataj kamaradoj:

Mi adresas min al vi hodiaŭ, ne por rakonti anekdoton, sed por partopreni ekde ĉi tiu gazeto, kelkajn minutojn kune

Ni vivas en epoko de mensaj ŝanĝoj kaj novaj agmanieroj, tial en nia Gildo ekzistas multaj novaj membroj kiu komprenis ke la civita devo rilate aliulojn ne estas eksklusiveco de tiu aŭ alia politika au ideologia koloro, estas frata devo, estas altruismo staranta ekster ĉia kondiĉo, ĉu politika, ĉu partia.Do ni estas frataj estaĵoj kiuj donas iom el ni mem - por la bonstato de nia proksimulo sen konsideri kiu ricevos la bonfaron.

Sed ni certe scias, kiu ajn estu tiu, kiu ricevas nian sangon, ke ni donas iom el ni mem, por helpservi sian malsanon.Kia kontentiĝo scii pri la helpo, kiun ni liveras!

Ĉu vi scias, amiko, pri tio ke ĉiu kiu apartenas al la Socia Asekuro havas je sia - dispono sangon de nia Banko? En iu ajn sanitara ejo, kie la malsanulo estu flegata, li povas peti sian hematologiston, ke oni transfuzu al li sangon de nia Banko, kio tute garantias pri la plej bonaj kondiĉoj por transfuzigo.

Estas konvene, ke vi ĉiuj konu tiajn kondiĉoj, sed ankaŭ ĉiu devas scii ke por nur - po unu sangodonado jare el ĉiu kapabla persono, ni havus sufiĉe da sango por la bezonoj de - la hematologiaj servoj, kaj ĉi tio signifas savon de pluraj homaj vivi en la daŭro de la jaro.

Kamarado, mi dankas vin pro via afableco legi tiujn liniojn, kaj vin ĉirkaŭbrakas nome de nia Gildo de Sangodonantoj.

JULIO

# HISPANAJ KASTELOJ

Amaso da kasteloj troviĝas dissemitaj tra la tuta hispana lando; kelkaj, duondetruitaj, aliaj ne tiel, kaj la ceteraj, montras belan aspekton, kaj eĉ multe de la beleco kiun antaŭe ili posedis.

Ni pretendas konigi al vi ekde ĉi tiu nova sekcio, kelkajn el ili kiuj eble estos nek la plej gravaj nek la plej konataj, sed certe la plej belaj aŭ plej bone konservataj.

La kastelo kiun hodiaŭ ni prezentas estas tiu kiu por ni la asturianoj, sed speciale gijonanoj havas grandan signifon, ĉar tie estis malliberigita nia elstara samurbano Jovellanos ( Ĥoveljanos ) ekde 1.802 ĝis 1.808 jaroj, kaŭze de lia konata malamikeco kun Godoy ( unu el la tiamaj favoratoj de la reĝo Karlo IVa ) ĉar Jovellanos ĉiam estis kontraŭa al la konstanta koruptado en la Kortego.

## KASTELO DE BELLVER (Mallorca)

La kastelo devenas de la XIVa jarcento, kiam ordonis ties konstruado la tiama reĝo de Mallorca Jaime IIa, kaj stariĝas sur monteto 140 metrojn alta sur marnivelo, ĉirkaŭita je densa pinarbaro, kiu pligrandigas ĝian naturan belecon.

Dum la nokto, kiam la elektrolumoj strategie lokitaj lumigas ĝin, ŝajnas ke ĝi ŝvebas en la aero.

Ĝi estas la dua kastelo en Eŭropo tute ronda. Posedas 4 ĉefturojn kaj aliaj 4 turojn kiuj staras sur la supra teraso. Ankaŭ havas duoblan defendan ĉirkaŭfosaĵon.

La nomata turo de la omaĝo estas apartigita de la ĉefa korpo de la kastelo, sed kuniĝas al ĝi per ponto samnivele kun la teraso.

Estis somerloĝejo por la gereĝoj de Mallorca ĝis kiam ili estis venkitaj en batalo de Lluchmayor (:Jukmajor) en la 1.349a jaro.



Turo de la omaĝo



Ĝenerala vidaĵo



Komenco de la XIX^a jarcento estis ĉi tie kiel malliberuloj multe da francaj milit-kaptitoj dum la " Milito por la Hispana Sendependenco ".

La nomo Bellver estas toponimia kaj signifas bela vidaĵo ( mallongigo de Bell-bell: aŭ esperante bela, kaj ver - esperante vidi ) kaŭze de belega perspektivo sur la urbo, kiu - montriĝas rigardante la teraso.

Havas ĝi centran korton en kiu estas puto de pura kaj freŝa akvo.

Nun la kastelo estas dediĉita por Muzeo.

DIMANĈEZ

# La formiĝo kaj evoluo de Esperanto

La lingvo estas socia fenomeno kaj ne ia " natura " aŭ " biologia " aperaĵo. Tio signifas ke ĝi povis ekesti, ke ĝi evoluis kaj evoluas ekskluzive en la kadro de la - homa socio, La lingvo, do, estas regata de sociologiaj kaj ne de biologiaj leĝoj. Tio ankaŭ signifas, ke la portanto de la lingvo ĉiam estis kaj estas ia homgrupo.

Sed tio tute ne signifas, ke tia portanto estas aŭ devas esti nur la nacio. Ekzistas eĉ hodiaŭ personoj kiuj enfazas pri la "nacia animo" aŭ pri la "nacia spirito" - kiel pri la solaj kreofortoj de la lingvo. Tia erara aserto devas nepre konduki al eraraj konkludoj. Tiele fakte ankaŭ okazas. Malgraŭ la evidentaj faktoj ne malofte asertas, ke la Internacia Lingvo estas neebla, ĉar, ja, ne ekzistas ia "internacia nacio" kun "internacia animo".

# Historio de U.E.A.

En la jaro 1.905, kiam okazis la unua Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne sur Mer, estis solvota la demando pri internacia organizaĵo, kiu kunligus ĉiujn agantajn esperantistojn en mondaj kadroj. Tiu Kongreso, gravega sendube en la historio de la Internacia Lingvo, tamen ne solvis la organizan demandon. La Kongreso formis la tiel - nomatan LINGVAN KOMITATON kun la AKADEMIO DE ESPERANTO, sed la celo de tiu organismo ne estis disvastigi la lingvon aŭ krei praktikajn servojn pere de la lingvo. Ĝia celo limiĝis al kontrolado de la lingvoevoluo kaj tian karakteron havas ankau hodiaŭ la AKADEMIO DE - ESPERANTO reorganizita post la dua mondmilito.

Ĉar la manko de centra internacia organizaĵo sentigis ĉiam pli forte, es-tis kreita en Parizo ( en 1.905 ) la ESPERANTISTA CENTRA OFICEJO dank'al malavara financa helpo de la fama franca esperantisto Generalo Hyppolite Severt.

$$$$$$$$$$$$$$$$$

Ĉerpis el C.E.D., DABORDO .

$$$$$$$$$$$$$$$$$


MATKA BOSKA CZĘSTOCHOWSKA

VIRGULINO DE CZESTOCHOWSKA

La Virgulino de Czestochowska estas la patronino de Pollando.
Si estas en Monaĥejo de la Hela Monto, kaj la fervoro kiun la gepoloj sentas pri sia patronino estas tiel granda ke ĝi estas celo de konstanta pilgrimado por atingi plurajn petojn.
Same kiel Virgulino de Monserrat, Ŝi estas bruneta.
La apuda bildo estas tre antikva, -kaj onidire ĝi havas riĉan historion Kiam sveda invado kontraŭ Pollando, la XVII^a^ jarcento, la monaĥoj elveturigis ekster la monaĥejo la grandvalorajn pentraĵojn. Svedaj rabistoj venis kaŝe, murdis multajn monaĥojn, prirabis la trezorejon, kaj forveturis kun la mirakla bildo.
Tamen, post tri aŭ kvar kilometroj, la ĉevaloj jungitaj al la ĉaro sur kiu troviĝis la mirakla bildo, ne -volis plu iri.
Batoj kaj krioj ne helpis.
La rabistoj devis forkuri, sed unu el ili, kun furiozeco batis la bildon kun sia glavo.
La postsignoj de glavbato sur Ŝia dekstra vango restis ĝis nun je memoro de mirakla savo de la bildo.
Pasintan Aŭguston, antaŭ ol la Kunveno de purpuruloj por elekti novan Papon, post la morto de Paŭlo VI^a^, onidire la pola purpurulo Karol Wojtyla, kune kun 300.000 pilgrimantoj iris al Monaĥejo de Czestochowska por preĝi al la Virgulino por la sukceso en la elekto. Nun, post iomete pli da du monatoj post neatendita morto de Johano Paŭlo I^a^ ( la tiama - elektita Papo ) li, Wojtyla, estas nova Papo. Ŝajnas tiel ke la Virgulino opiniis estus -plej bone por la Eklezio ke li regu la kristanajn destinojn finante tiel, kun regado de italaj Papoj dum 455 jaroj.
Ekde nia duobla vidpunkto de hispanaj kaj esperantistoj, ni devas gratuli nin, ĉar inter la lingvoj kies li parolas, estas la hispana kaj esperanta.
Dio gardu lin dum multaj jaroj !
Bonvenita Johano Paulo II^a^ !

D.

# PACA NOKTO (Kristnaska kanto)

**I**

Paca nokt', sankta nokt'
Dormas jam tuta ter'
Dum rigardas Lin ĝoja hom–par'
Ĉarma bebo kun bukla harar'
Kuŝas en trankvilec'
Kuŝas en trankvilec'

**II**

Paca nokt', sankta nokt'
Sonas nun tra l'aer'
Dolĉa kanto de l'anĝelar'
Al miranta la ŝaf–paŝtistar'
Paco al la homar'
Paco al la homar'

**III**

Paca nokt', sankta nokt'
Dia fil', mondesper'
Dum Vi dolĉe ridetas al ni
Dia Amo montriĝas en Vi
Kristo nia savant'
Kristo nia savant'

# DISTROJ

## Ŝupo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | P | A | P | A | G | O | A |
| K | R | E | T | A | L | L | E |
| A | N | T | I | E | A | R | S |
| A | U | S | D | Ŭ | P | E | N |
| R | I | R | D | O | I | M | D |
| O | A | O | Z | I | G | U | E |
| K | A | I | E | T | S | I | A |
| M | O | L | O | G | E | R | P |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de birdojn. Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale — en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

MOVOJ DE KAVALIRO : Pli bone estas birdo ĉasita ol cento ĉasotaj.

ABELEJO

1.- Lupido 4.- Ĉemizo
2.- Donaco 5.- Melono
3.- Modifi 6.- Tirano

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| C | A | B | E | T | U | L | O |
| O | I | L | D | E | P | R | S |
| R | O | M | O | R | E | C | A |
| D | O | K | S | P | M | I | N |
| E | R | O | I | G | U | E | Z |
| C | A | N | A | L | E | T | O |
| A | U | T | O | G | A | F | O |
| J | O | L | I | N | E | S | A |

# Movoj de kavaliro

| | | | |
|---|---|---|---|
| PE | LO | DI | MAR |
| **AL** 1 | PER | TAN | TA |
| BA | O | TE | KAJ |
| | TA | TAN | |

Komencante per la silabo AL (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu hispanan proverbon.

## KAŜITAJ PROVERBOJ

PL FCL STS KRTK L MT

MN D NFN RPD PLNĜS

HND BJNT N STS MRDNT

La supraj tri linioj entenas tri proverbojn, — sed nur iliajn konsonantojn, ĉar ĉiuj vokaloj estas ellasitaj. La konkursa tasko estas: remeti ĉie la ĝustajn vokalojn kaj tiel trovi la kompletajn tekstojn de la tri proverboj.

# abelejo

Helpe de la sekvantaj difinoj, trovu ses vortojn el tri duliteroj silaboj, tiamaniere ke ĉiu vorto komenciĝu pro la cirklo en kiu estas la sago kaj sekvonta movado de montriloj je horloĝo.




1) Farata laŭ ĉiuj sanktaj ritoj aŭ ĉiuj etiketaj reguloj.
2) Vasta grupo da homoj, konsciaj pri sia malsimileco kun la ceteraj najbaraj grupoj kaj loĝantaj kune, plejofte en unu sama lando.
3) Longorela besteto simila al kuniklo.
4) Mamulo kun unu aŭ du ĝiboj sur la dorso, vivantaj en la stepoj.
5) Centono de rublo.
6) Parto de la vesto, kovranta la brakon.
7) Ĉefurbo de malgranda Eŭropa lando.
8) Inklino fari ian agon, akirita pro ofta ripetado de tiu ago.